20a Jaro - No 6 (208) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Junio 1934

# BELGA ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a
OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA
Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

ANONCOJ
Henri PETIAU
St. Lievenslaan, 60, Gento
Poŝtĉeko de la LIGO:
No 1337.67 (Wilrijck)

## PRI PROPAGANDO

# Ni havu apudajn celojn

En la vivo de homo ĉio estas nur prokrastigo, malantaŭenpuŝado de deziroj kaj esperoj.

Kiel malgranda bubo en la lernejo, ni esperas, ke baldaŭ ni havos ĉapon kun steloj kaj multaj makuloj, kiel la studentoj de kolegioj kaj ateneoj. Kiam ni posedas tiun ĉapon, ni volas jam elflugi tiun sferon, kaj la junaj gefianĉoj estas la objekto de niaj envio. Havi amatinon, havi amaton ! Kaj kiam oni mem fianĉiĝis, estas denove la geedza situacio, kiu ŝajnas la plej dezirinda.

Sed ni povas konstati, ke, se juna patro povas esti feliĉa pro la naskiĝo de unua infano, nenia fiereco superas tiun de la avo, ĉe tiu sama alveno en la mondon.

Kaj tio montras al ni, ke ĉiam nia spirito, nia koro streĉas al nova konkiro ; nia spirito kaj nia koro bezonas celon, al kiu ili povas emegi.

Tio estas natura en la ordinara vivo. Tio ankaŭ estas natura en niaj specialaj fakaj rondoj.

Kaj kiam ni pensas pri propagando, ni ankaŭ devas klopodi por ni mem, kaj por niaj membroj, ke ni, ĉiam, eltrovu novan celeton, kiu laŭŝajne estas atingebla en baldaŭa estonto.

Ĝeneralaj celoj, malproksimaj celoj — enkonduko de Esperanto en la Lernejoj, en la Komerco, k. c. — estas tro neprecizaj, por ke la amaso okupu sin pri ĝi. Cetere ne multaj scipovas helpi en tiu rilato, kaj propagandisto, kiu ne kapablas helpi, estas baldaŭ perdata

Kontraŭe ĉiam, kiam oni metis antaŭ la okuloj de homgrupo iun fiksan apudan celon, ĝi estis grandparte efektivigita.

En la antaŭa numero de B. E., oni povis legi kiamaniere naskiĝis « Belga Esperanto-Instituto ». En la nuna numero oni vidos kiamaniere la Belga Esperantistaro jam kunmetis pli ol dek mil frankoj por la aĉeto de tereno kaj la konstruo de memorŝtono sur la tombo de nia amiko Schoofs, tiel ke ni, kun la restanta sumo, eĉ povos fari ion, kio restos je la eterna gloro de la formortinto.

Ni do klopodu en ĉiu grupo ektrovi tiajn malgrandajn celojn. La Bruĝa grupo ĵus eltrovis iun, pri kiu mi volas atentigi : la organizon de budo en la Komerca Foiro, kiu okazos en la malnova flandra urbo en la monato de Aŭgusto proksima. Estas okazo por laborigi kelkajn geamikojn, ĉe la organizo mem de la afero, ĉe la prizorgado kaj flegado dum la Ekspozicio.

Ni serĉu ankaŭ, ĉiu en sia mezo.

Kaj ĉe la fino de mia prediketo, ĉu vi volus scii, Kara Leganto, kiel mi ekpensis pri ĝi ?

Kiam antaŭ kelkaj semajnoj ni preparis ekskurson al la kamparo kaj ekkalkulis la ŝancojn pri bela vetero, iu inter ni diris :

— La grupo devus aĉeti herbejon...

— ...Tiel ke oni povu paŝti nin kune !...

— Ne, herbejon kun barako kaj...

En rapida fulmobrilo tiu « kaj... » antaŭmetis al mia spirito anstataŭ paŝtherbejo, belan ebenaĵon kun sablo por la infanoj, kun ludlokoj por la plenkreskuloj, kaj la barako iĝis beleta somerdomo !

Ĉu tiel ne naskiĝis la Internacia Hejmo Esperantista en Aspremont-apud-Nice ; la Esperanto-domo en Arnhem kaj la Esperanto-Muzeo en Wien ?

Hieraŭ nur ideo ; hodiaŭ eble plano aŭ celo, kaj morgaŭ realeco. Maur. JAUMOTTE.

## ĈIUJ AL ANTVERPENO!

*La jara ĝenerala kunveno de B.L.E. okazos la 17an de Junio proksima, NE EN BRUSELO kiel anoncite, SED EN ANTVERPENO.*

*Ni profitos tiun okazon por inaŭguri la monumenton starigotan sur la tombon de nia karmemora Prezidinto S-ro Schoofs, kiel oni povas vidi en la raporto pri la kunsido de la Liga Komitato, aperonta en sama numero.*

*Jen la programo de DIMANĈO, 17a DE JUNIO.*

*10a matene: Ĝenerala Kunveno de « Belga Ligo Esperantista » en Kafejo « De Witte Leeuw », Avenuo de Francujo, 4.*

*13a p. m. Komuna tagmanĝo en Hotelo « Reĝo Alberto », Stacidomplaco (Fr. 15,—, trinkmono enkalkulata).*

*14a p. m. Forveturo al la tombejo « Schoonselhof », Tramoj No 24, kontraŭ la hotelo Bileto « direkta » ĝis la enirejo (Fr. 1)*

*15a p. m. Inaŭgurado de la monumento.*

*Mendon de tagmanĝo kaj sciigon pri partopreno en la inaŭgurceremonio akceptas ĝis la 10a de Junio S-ro Jaumotte, Prezidanto de « La Verda Stelo ».*

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## Jara Ĝenerala Kunveno

Karaj Geliganoj !

Ni havas la honoron inviti vin ĉeesti la Ĝeneralan Kunvenon de « Belga Ligo Esperantista », kiu okazos dimanĉon, *17an de junio 1934*, je la 10ª matene, en *Kafejo Witte Leeuw*, Avenuo de Francujo, Nº 4, en *Antverpeno*.

TAGORDO :

1. *Alparolo de la Prezidanto.*
2. *Raporto de la Ĝenerala Sekretario.*
3. *Raporto de la Kasisto.*
4. *Ekzameno de la rimedoj por progresigi la Esperanto-movadon en Belgujo.*
5. *Diversaj komunikaĵoj kaj proponoj.*

Ni faras varman alvokon por ke vi ĉeestu multnombre tiun kunvenon kaj intertempe ni prezentas al vi la esprimon de niaj plej koraj samideanaj sentoj.

*Je l'nomo de « Belga Ligo Esperantista » :*

La Ĝenerala Sekretario, Henri PETIAU.

La Vicprezidanto, L. COGEN.

## Kunveno de la Liga Komitato

*Bruselo, Dimanĉon, 29an de Aprilo 1934.*

S-ro Cogen prezidas.

Ĉeestas : a) Konstantaj Gekomitatanoj : S-ino Elworthy kaj S-ro Babilon ; b) Grupaj Gedelegitoj : *Antverpeno :* S-roj Boffejon, De Ketelaere kaj Jaumotte ; *Bruĝo :* F-ino Thooris kaj S-ro Poupeye ; *Bruselo :* F-ino Obozinski kaj D-ro Kempeneers ; *Gento :* S-ro Petiau ; *Liero :* S-ro Leflot ; *Lieĝo-Chênée-Sclessin :* S-ro Dechesne ; *Nieuwpoort :* S-ro Braat ; *Ninove :* S-ro Cogen.

1. — *Funebra laŭdo Frans Schoofs.* — Antaŭ la kunvenantaro staranta, S-ro Cogen emocie memorigas pri la morto de la Liga Prezidanto, Frans Schoofs, kies kvalitojn li kelkvorte rediras. Li esprimas la ĝeneralan bedaŭron sentatan je tiu nekompensebla kaj tro frua perdo kaj invitas al unuminuta silento, memore al la kara mortinto.

2. — *Situacio de Belga Ligo Esperantista.* — S-ro Jaumotte konigas la financan situacion ; se ĝi fakte ne estas tro malbona, la budĝeto tamen ne ekvilibriĝas kaj pliaj vivrimedoj estas nepre necesaj por regula eldonado de la ĵurnalo.

Je redakcia vidpunkto, S-ro Jaumotte donas certecon pri akurata apero de « Belga Esperantisto » kaj li estas gratulata pro siaj ĝisnunaj pruvoj en la efektivigo de la nova aranĝo elpensita de S-ro Schoofs.

Pri financa helpo la kunvenantaro opinias eblaj jenajn solvojn :

a) varbo de anoncoj laŭ nova tarifo prizorgata de S-ro Petiau, kiu ĝin tre baldaŭ sendos al la grupoj. Tiuj anoncoj — pli facile rikolteblaj pro aperoreguleco — estu nome postulataj ĉe la rekomenditaj hoteloj. F-ino Thooris estas dankata pro siaj jam sukcesintaj klopodoj.

b) Varbo de novaj membroj, ankaŭ pli falcila pro la plibonigo de la revuo.

c) memvola malalta kotizo de la membroj ĉe ĉiuj grupaj kunvenoj. La tiel rikoltita mono estos regule sendata al la Liga kasisto.

d) malfermo en la ĵurnalo de monlisto je l'profito de Liga kaso.

3. — *Nia estonta agado.*

Por kompensi la nesufiĉan sukceson de la grupaj kursoj, la Komitato akceptas projekton pri organizo de korespondа kurso, kies aranĝodetaloj jam estas pristudataj, kaj kiu ĉefe celus la regionojn ne jam almilititajn, ĉu de grupoj ĉu de la Ligo. Tamen ĉar « Belga Esperanto-Instituto » devas unue decidi pri la ebleco helpi al la ekfunkciigo de la sistemo, la Liga Komitato prokrastas la finan rezolucion.

Intertempe B. L. E. jam klopodos por revigligi iamajn grupojn, kiuj ŝajnas malfervoriĝi, kaj restarigos la gazetaran servon, pri kiu zorgos de nun S-roj Jaumotte kaj De Coster.

Pri cetero de la ordigo de la Liga organizo, S-ro Boffejon verkos projekton, kiu estos submetata al la diversaj grupoj por esti priparolata dum venonta Liga kunsido.

La grupoj estas invitataj pli kaj pli interesigi siajn kunvenojn kaj speciale estas atentigataj pri organizo de konkursoj (nome per ABC-Lexicon-kartludo) kun premioj akireblaj ĉe B. E. I. je favoraj kondiĉoj.

4. — *Elekto de U.E.A.-delegitoj.* — La Komitato konfirmas la delegitojn ĝis nun proponitaj de la grupoj. La grupoj, kiuj ne jam respondis, estos invitataj konigi plej frue sian decidon.

Aliflanke la Ĉefdelegito S-ro De Ketelaere trafos la antaŭajn delegitojn, kiuj ne jam membriĝis pere de B. L. E. aŭ en kies loko ne ekzistas grupo.

5. — *Eventuala partopreno en la ekspozicio de Bruselo en 1935.* — Ĉar la Brusela grupo intencas partopreni en tiu ekspozicio, la ĉeestantaj delegitoj plezure donas ĉiujn eblajn informojn por helpi al la efektivigo de tiu projekto.

Bruĝa grupo kaptas la okazon por informi pri la Bruĝa komerca foiro de Aŭgusto, en kiu ekzistos Esperanta budo.

6. — *Diversaj komunikaĵoj kaj proponoj.* — Koncerne monumenton Schoofs, S-ro Jaumotte sciigas ke la mono jam rikoltita ebligas la efektivigon de la projekto kaj ke ĉio estos finpreta meze de Junio. Konsiderante tiun informon, la Komitato decidas okazigi en Antverpeno la Ligan ĝeneralan kunvenon de 17-a Junio kaj ĉeesti la saman tagon la inaŭguradon de la monumento.

S-ro Petiau tiam resumas la ĝeneralan impreson de la hodiaŭa kunsido, konstatas kun plezuro la emon de la grupoj labori estonte interkonsente kaj invitas tiujn ĉi sin turni al li pri ĉiaj demandoj je ĉies intereso, pri kiuj la membroj estus informataj pere de la ĵurnalo.

Fine S-ro Cogen fermas la kunsidon per danka vorto pro la bona laboro farita kaj per esprimo de sia espero pri la estonteco.

## La 26ª Universala Kongreso Stockholmo, 4-11 Aŭgusto

**La honora komitato.** — Ĝi baldaŭ estos preta. Princo Carl konsentis esti la unua nomo de la listo. Inter la komitatanoj estas ankaŭ D-ro Selma Lagerlöf kaj multaj aliaj svedaj eminentuloj.

**La teatra vespero.** — Ĝi promesas esti vere internacia, vere enhavoriĉa kaj alloga. Svedaj profesiaj geaktoroj ludos teatraĵon de *Aug. Strindberk*. La nomo de la komedio estas « Ludi per fajro ». La fama reĝisoro Sandro Malmkvist garantias, ke la prezentado estos vere altnivela.

Ĉar tiu komedio estos sufiĉe mallonga, LKK kontraktis kun profesiaj Esperanto-geaktoroj en Brnó en Ĉeĥoslovakio, ke ili la saman vesperon ludos bonhumoran ĉeĥan teatraĵon.

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro

*LEXICON KART-LUDO. — Ni atentigas la grupestrarojn pri la ekzisto de speciala kartludo, kun Esperanto-literoj, kun kiuj oni, dum la ludo, devas formi Esperanto-vortojn. La ludo estas tre amuza kaj lerniga por la membroj.*

*La 52 kartoj en eleganta skatoleto en libro-formato, estas eldonata de «Brita Esperantista Asocio» kaj estas akirebla ĉe « Belga Esperanto-Instituto », je la prezo de Fr. 15,—.*

*Bonfaremaj membroj donacu unu ludon al sia grupo !*

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h. 30.

2 Junio : Parolado de S-ro Willy De Schutter, pri « Amuzaj kaj enuigaj Preseraroj. »

9 Junio : Vizito al la foiro.

16 Junio : Diplomdisdono al la lernantoj de la kursoj de S-roj Vermuyten, Boffejon kaj Van Dijck.

17 Junio : Inaŭgurado de la monumento Fr. Schoofs ; je la 15a h. kunveno ĉe l'enirejo de « Schoonselhof ». (***Medajloj.***)

18 Junio : Komenciĝo de ekspres-kurso, kompleta en 3 semajnoj, donota tute en Esperanto de S-ro Jaumotte.

23 Junio : Ĝenerala monato kunsido.

24 Junio : **Granda Ekskurso per aŭtomobilego al Eupen, Malmédy,** kun veturado tra granda parto de Sud-Orienta Valonujo. Foriro je la 6 h. 30 en « Witte Leeuw ». Prezo Fr. 65 eksterordinare favora se ni kalkulas ke la programo antaŭvidas vojon de ĉirkaŭ 450 kilometroj.

30 Junio : Amuza vespero : konkursoj kaj ludoj.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiujaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

5 Junio : a) Komuna legado de « Belga Esperantisto » ; b) Diskutado pri « Ami aŭ esti amata ». (Prez. S-ro Ch. Poupeye.)

12 Junio : a) Kanta vespero, sub gvidado de F-inoj A. Boereboom kaj S. Weissenborn ; b) Poŝtmarka borso ; c) Lastaj aranĝoj por partopreno al la Ĝenerala Kunsido de « Belga Ligo » en Antverpeno (17-6-34).

19 Junio : Parolado de S-ro A. Humez, Del. U.E.A. Douai, pri : « Gastronomia promenado tra Francujo ». (Prezidos : F-ino Y. Thooris.)

26 Junio : Konkursoj kaj Esperanto-ludoj. (Prez. F-ino M. J. Vanden Berghe.)

N.-B. 1) En la komenco de ĉiu kunveno okazos « Samideana Prediketo ». — 2) En okazo de bela vetero, iu aŭ alia el tiuj kunvenoj povos esti anstataŭata per komuna vespera promenado.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

Lundon, 4 Junio : S-ro De Boeck, prezidos.

Lundon, 11 Junio : S-ro Castel, prezidos.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».** — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7ª vespere.

La membroj estas petataj regule ĉeesti tiun kunvenon dum kiu oni paroladas, ellernas la lingvon kaj kutimiĝas ĝin flue paroli.

LIEĜO. — **« Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto ».** — Kalendaro laŭ la grupoj :

*Grupo de Chênée* (ĉe F-ino L. Baiwir, Rue des Grands Prés, 72) : ĉiuvendrede je la 7-a h. vespere.

*Grupo de Lieĝo* (en lernejo St. Jean, Pl. Xavier Neujean), ĵaŭdojn 14-an kaj 28-an je la 19 h. 30.

*Grupo de Sclessin* (ĉe S-ro L. Dechesne, Rue Ernest Solvay, 1), ĵaŭdon, la 7-an je la 19 h. 30.

## Grupaj Raportoj

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Post ses-semajna kompleta funebra haltigo de la kunsidlaboroj, la grupo dum la du lastaj kunvenoj de Aprilo elektis la delegiton kaj vicdelegitojn de U.E.A. en Grand-Antverpeno kaj kompletigis sian ĝeneralan estraron, kiu estas nun jene : ***Administrantoj*** : S-roj Boffejon, De Hondt, De Ketelaere, Faes, Jaumotte, Van der Veken kaj Vermandere ; *gekomisaroj* : S-ino Faes, S-roj Bolsius, Van den Bossche kaj Van Dijck.

En speciala kunsido de la ĝenerala estraro, S-ro Jaumotte estis elektata, kiel Administranto-Prezidanto por anstataŭi S-ron Schoofs.

La 5an de Majo S-ro Jaumotte alparolis la membrojn en sia nova funkcio kaj petis ĉies helpon. Li sciigis, ke la administrantaro tuj post la morto de S-ro Schoofs, decidis nomi S-inon Schoofs membrinon pro merito, titolon, kiun, ĝis nun, neniu alia membro akiris. La Prezidanto aldonas, ke lia unua gesto estos kompletiga propono al la administrantaro, nome rajtigi S-inon Schoofs porti la oran juvelon, kiun ricevis ŝia bedaŭrata edzo okaze de sia jubileo.

Poste S-ro Vermuyten faris paroladon tre interesan pri « Esperanto en la servo de la naciaj societoj ». Li klarigis veran studon, faritan de li, pri la simileco de deveno de diversaj noveloj kaj rakontoj, kiujn oni retrovas en la naciaj literaturoj. Li estis kore gratulata.

Dum la sekvantaj semajnoj de Majo okazis la granda konkurso kun la A.B.C.-kartaro ,al kiu la administrantaro dediĉis por pli ol Fr. 400 da premioj. Kaj estis vere, kiel sur la kartaro : Amuza, ekscita, interesa.

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Dum la kunveno de la 3-a de Aprilo la grupo ricevis la viziton de Ges-roj Coblenz, el Parizo. Dum tiu kunveno kaj ankaŭ la 10-an de Aprilo okazis pliaj lecionoj de la supera kurso, gvidataj de F-ino Thooris. Dum tiu lasta kunveno ankaŭ la grupo elektis la delegitojn de U.E.A. F-ino Yvonne Thooris estis reelektata, kiel delegitino kaj S-ro Charles Decoster, doganoficisto, 9, St-Gilliskerkstraat, estis novelektita, kiel vicdelegito. Ambaŭ elektoj estis varme aklamataj.

La 17-an de Aprilo, okazis konkursa vespero sub la gvidado de F-ino M. J. Vanden Berghe. Tiuj konkursoj, temantaj pri observemo, rikoltis grandan sukceson ; pluraj premioj estis disdonataj al la gajnintoj.

La 24-an de Aprilo okazis tre interesa priparolado de F-ino

Suzanne Vanden Berghe : « De la Primitivoj ĝis la nuntaga arto. » La parolantino donis kompletan supervidon de la historio de la arto, kaj speciale de la pentrarto, tra la jarcentoj kaj klarigis la influojn sur ĉiuj artperiodoj. Ĉiuj ĉeestantoj varme aplaŭdis la parolantinon kaj la prezidantino esprimis la deziron reaŭdi ŝin pri la sama temo. S-ro Groverman el Gento, speciale gratulis la prelegantinon kaj proponis al ŝi arĝentan krajonon kiel memoraĵon.

Dum la lasta semajno de Aprilo, la komitato decidis partopreni en la Komerca Foiro, kiu okazos en Bruĝo de la 11-a ĝis la 20-a de Aŭgusto venonta. Stando pri « Esperanto kaj Komerco » estos organizata tie kaj la grupo petas, de nun, ĉiujn bonvolemajn samideanojn, ke ili volu kunhelpi al tiu valora propaganda laboro per pruntedono de dokumentoj, materialoj, k. t. p. Oni skribu al la grupa sekretariejo : ŝoseo de Blankenberghe 44, Bruĝo.

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** — La 2an de Majo, vespere nia svisa samideano S-ro Liniger el Berne, faris interesan paroladon pri la bela lando por turismo « Svisujo ».

La urbo Bruselo permesis uzi la grandan salonon en la lernejo de la strato Ernest Allard. La ĉeestantaro nombris pli ol 150 personoj inter kiuj diversaj neesperantistoj.

D-ro Kempeneers prezentis la paroladiston, S-ron Liniger, al la aŭdantaro ; li klarigis la celon de tiu ĉi konferenco kaj direktis kelkajn vortojn al la neesperantistoj, akcentante la utilecon de Esperanto en la turismo.

S-ro Liniger aŭdigis diskon kun svisaj popolkantoj kaj, poste, li priskribis la belecon de sia lando, precipe de la regionoj de Tiĉino kaj Valiso. Liaj paroloj estis tuj tradukataj je la intenco de la personoj, kiuj ankoraŭ ne konas nian lingvon. Li agrabligis sian rakontadon per multaj belaj kliŝoj. Fine, li montris longan filmon pri la moroj kaj kutimoj en kelkaj partoj de Svisujo. Dum la disvolviĝo de la filmo, oni aŭdis agrablan muzikon, dank'al la kunlaborado de S-ro Danjou, unu el niaj novaj adeptoj.

La svisa oficejo por turismo disdonigis kvanton da belaj kaj utilaj dokumentoj pri Svisujo. La juna generacio de la Grupo, unuavice la lernantinoj, plej sindoneme helpis por la ordoservo en la lernejo.

**GENTO. — Genta Grupo Esperantista.** — Nova kurso komenciĝis la 18an de Aprilo kun ĉirkaŭ 15 gelernantoj. Tiun kurson gvidas F-ino C. De Cock.

**LIEĜO. — Soc. Lieĝa por la Propagando de Esp.** — La elementaj kursoj de la diversaj grupoj nun estas finiĝintaj kun malpli da lernantoj al la antaŭajn jarojn ; la kvalito ŝajnas tamen kompensi la nombron. La ekzamenoj, kiuj ebligos doni al tiuj kandidatoj la titolon de Esperantisto, okazas sub prezidanteco de S-ro Dechesne, la 23-an de majo en Jemeppe por la kursoj de Jemeppe, Val St. Lambert kaj Sclessin, kaj la 28-an de majo en Chênée kaj Lieĝo.

## Nekrologo :

F-ino kaj S-ro Baiwir el Chênée, perdis en la unuaj tagoj de Aprilo sian nevinon F-inon Augusta Baiwir, profesorinon ĉe la Profesia Mezlernejo por Fraŭlinoj kaj ĉe la Superaj kursoj de komercaj sciencoj de Lieĝo.

Ni prezentas al ambaŭ niajn sincerajn kondolencojn.

La 4-an de Majo mortis en Verviers, post kruela malsano, F-ino Jeanne Assenmacker, kunfondintino kaj kasistino de la Esperantista Grupo de Verviers.

Al ŝia familio kaj al la samideanoj de Verviers la esprimon de nia kunsento.

*FRAN*

*S enlaca organiza pioniro,*
*C i, laborist' por alta idealo,*
*H elpema kor' amika, kavaliro*
*O bstina sed pripensa en batalo,*
*O feris vivon por ESPERANTO,*
*F alante en la serv' dum sorto batis :*
*S aluton ! Ve, la morto ne kompatis...*

Hector VERMUYTEN, 12-3-'34.

* * *

En pasinta numero de B.E. aperis la informo, ke la subskriblisto por la starigo de monumento sur la tombon de nia formortinta Prezidanto estos fermata la 15an de Majo

Je tiu ĉi dato, la sumoj, kiujn ni ricevis, superis Fr. 11.000,— tiel ke, precipe pro la demando de S-ino Schoofs, ke ĉio estu simpla kaj ke oni ne elspezu tro da mono, restos, post pago de la tereno kaj de la monumento, en kunlaboro kun la familio, beleta sumo.

La organizantoj de la monkolekto tial sugestas, ke, kun tiu ĉi restaĵo, kaj kun la mono, kiu ankoraŭ alvenos — estas efektive diversaj amikoj, kiuj jam firme promesis partoprenon, sed ne jam ĝiris la monon — oni starigu alian monumenton, ne plu el ŝtono kaj granito, sed tutalia, kiu ĉiujare memorigos, al ni, dum niaj kongresoj, la nomon de la granda pioniro Frans Schoofs.

Temas pri la starigo de «*Fondaĵo Frans Schoofs*», al kiu grupoj kaj privatoj povos ĉiam fari donacojn. La rentumsumoj de tiu kapitaleto povos esti uzataj por premioj al diversaj konkursoj, kiujn la organizaĵoj mem starigos. Ekz. povos esti « *Pokalo Fr. Schoofs* » por reprezentadoj de teatraj grupsekcioj ; laŭrkrono kaj premioj por literatura konkurso, ĉu en « Belga Esperantisto », ĉu organizota alimaniere, en formo de iu « Landjuvelo ». La ideoj povas esti multnombraj. La gvidantoj de la movado en Belgujo tiurilate ekzamenos ĉiujn proponojn.

La efektivigo de tiu sugesto instigas nin, tial ne haltigi la subskribadon en la gazeto. En la sekvanta numero, ni publikigos la nomojn, sen la sumoj, de ĉiuj, kiuj, ĝis la 17a de Junio, estos ensendintaj monon por la tomb-monumento.

Ni tiam ĝuste diros, kio restas, post depreno de la necesaj sumoj, kaj tiu restaĵo estos la forirbazo por la nova « *Fondaĵo Frans Schoofs* ».

Ĝis la 17a de Junio, oni ĝiru al P. Ĉ. K. 1700.10 (S-ro Jaumotte).

* * *

Tiuj, kiuj deziras fotografaĵojn (grandeco 13 × 17,5) po Fr. 5,— por unu ekzemplero, povas mendi ĉe S-ro Jaumotte (poŝtĉekkonto 1700.10). Estas 8 diversaj : 1. La florumita ĉerko (en malgranda formato montrita en B. E.) ; 2. la elporto de la ĉerko ; 3. la funebra ĉaro antaŭ la domo ; 4. la funebra ĉaro dum la procesi-irado ; 5. la ĉaro kun la flago de la policistoj esperantistaj ; 6. la familianoj ; 7. la sekvantaro ; 8. lasta bilda de la ĉaro kun la floroj.

# LITERATURO

## Hubert Krains

*Les Waleffes 1862 — Bruselo 1934.*

**" Kiel Emile Verhaeren dum la milito, la prezidanto de la Belgaj aŭtoroj Hubert Krains, nun mortis, en Bruselo, pro vagonarakcidento. "**

(La gazetoj 11-5-'34.)

*Hubert Krains, romanverkisto, funkciis longtempe kiel sekretario de la Internacia Oficejo de la Universala Poŝt-Unuiĝo en Berno.*

*En la « Nigra Pano » kaj « Figuroj de la Lando », li priskribas la humilan kaj mizerplenan ekzistadon de la kamparanoj kaj de la malgranda burĝaro de sia naskolando. Per lingvo sobra kaj ege konciza, li pentras, en siaj simplaj rakontoj, realistajn kaj emociigajn bildojn de la vivo.* J. V. B.

## La Bulboj-Foiro

La lastan lundon de Novembro.

La ĉielo estas griza. Estas neĝo sur kamparo, multe da koto sur la stratoj, kaj, en la aero, muziko de gurdo. Kontraŭ la kolono de la unua arkajo de la malsanulejo troviĝas bulbojvendisto; apud tiu ĉi estas alia ; apud tiu alia, unu tria, kaj cetere ĝis la malalta urbo.

Oni vidas tie arojn da bulboj ; bulbojn en piramidoj, sakojn da bulboj ; korbojn da bulboj. Estas dikaj : fenomenoj, malgrandaj, etuloj. Unu estas blanka, alia ruĝa, alia rozkolora ; tiu ĉi estas ronda, tiu plata ; la plejmulto turnluliloj.

Kelkaj dommastrinoj iras tien ĉi kaj tien. Ili ekzamenas la bulbojn, palpas ilin, flaras ilin kun malŝatema mieno, sub la indiferenta rigardo de la vendistoj. La unuaj ŝajnas diri : « Pp' ni ne deziras viajn bulbojn », la aliaj ŝajnas respondi : « Kiel vi volas, mi tiom ŝatas ilin repreni, kiom ilin vendi ». Estas sistemo, komerco, ĉu ne ? Estas malamikoj kiuj mezuras unu la alian. Je tagmezo, la Bernaninoj diras al siaj edzoj : « La bulboj estas tie » kaj estas kvazaŭ ili dirus : « La kozakoj alvenas » aŭ « la Turkoj sin ĵetos sur nin ».

Nova eliro. Tiufoje estas interpuŝo. Se vi havas kalon ĉe la piedoj, mi ne konsilas al vi vin riski, posttagmeze sur la stratoj de la malsanulejo aŭ de la vendejo. Oni premas, oni puŝas, oni renversas, oni amasiĝas, oni ĵetas sin energie sur la bulbojn.

Bum ! ! frapo en la ripoj. Vi turnas la kapon, grimacante, kaj vi vidas malaperantan en la amason, la frapinton : multaĝa viro kun okulvitroj kaj eluzita surtuto. Hejme, tiu viro estas sciencisto ; sur la strato, li estas otuso ; li frapis vin per sia poŝo, dika kaj peza poŝo kiu streĉas la ŝtofon de la vestaĵo. Estas libroj, vi pensas, kiuj estas tie. Tute ne. Estas bulboj. Bulboj eliras el poŝo de sciencisto, ili montras siajn rozkapojn sub la pelerino de la sinjorinoj, ili ĉirkaŭas la brakojn de la infanoj ; la ŝercemuloj faras per ili horloĝĉenojn, ĉirkaŭkolojn, kronojn por siaj ĉapeloj.

La bulbo, kiu kutime plorigas, hodiaŭ ridigas ! Kvankam ĝi estas legomo tute necesa, oni konsideras ĝin kiel gajetan vendaĵon. « Estas nur bulboj » oni diras. Sed kio ni estus, mi petas, se ni ne havus niajn bulbprovizon por la vintro ?

Ha ! la malriĉulo bone scias kiom valoras bulbo. Vidu tiun viron, kun lia blua bluzo, lia ordinara pantalono, lia vasta felta ĉapelo, lia kapra-ledsako, kiu trairas la popolamason.

Kiel soko de plugilo, al la amaso de bulboj, li venas el la kamparo, kaj li bone konas la bulbojn; li ne elektas hazarde ; li iras de unu vendisto al la alia, enigas la manon en la kestojn, skuas la bulbojn, premas ilin, frotas ilin, rigardadas ilin. Oni dirus judon kiu eltrovis malpuran objekton kaj kiu gratas ĝin energie, volante scii ĉu estas ormonero aŭ butono.

Ni jam admiris la aĉetantojn ; nun vidu la vendistojn. La momento estas bona. Nokto ekvenas. Lanternoj, kandeloj, lampoj, lumaĉoj ekstaras sur la bulboj.

La vizaĝoj de la vendistoj aperas en lumrondoj. Ha, la bona vizaĝo de netimema vilaĝanino ! larĝa kiel plena luno, ruĝa kiel peonio. Ŝiaj okuloj ridas, ŝiaj dentoj ridas, ŝia ventro ridas. Ŝia granda mano eniĝas en grandan poŝon, kie ŝi dancigas la monon. La komerco prosperas, dank' al Dio ! Tiu kamparanino naskiĝis sub feliĉa stelo ! Mi estas certa ke ŝi havas filon en gimnazio. Li estos advokato, kuracisto, ŝtatkonsilano. La instruisto de lia vilaĝo citos lin iam kiel ekzemplon al siaj lernantoj komprenigante kien kondukas ordo, ekonomio, laboro, instruado... kaj bulboj.

Apud tiu virino, staras viro kun pelta ĉapo, kies okuloj fermetiĝas kaj kiu iom ŝanceliĝas ? Estas malvarme. Por varmigi sin, oni trinkis glason da blanka, poste glason da ruĝa vino, kaj post tio plengorĝon da « ŝnaps ». Li malpravis, li tion scias. La « grimacantoj » malproksimiĝas de liaj bulboj. Nu ! ĉu oni estas libera aŭ ne ? kaj kun larĝa, nescivola gesto, li ŝajnas sendi la budon al la sescent diabloj.

Jen, lia najbaro. Li estas vigla kaj rapida kiel simio. Li altiras la klientaron kun okulsignoj kiuj divenigas, ke liaj bulboj estas plenaj da sekretaj virtoj.

Pli malproksime, estas malfeliĉa maljunulino aĉe vestita ; ŝi farus la ĝojon de Callot. Ŝi venis el malproksime kun sako da bulboj sur sia dorso. La homoj preterpasis ne rigardante ŝian vendajon ; la vendistino estas tro malbela ; eĉ por vendi bulbojn, virino devas esti bela. Ŝi vane krias, kun blekanta voĉo, ridindajn prezojn ; oni ne aŭdas ŝin. Ŝi malgajiĝas kaj ekploretas malantaŭ sia sako ; ŝiaj manoj tremas, kaj ŝiaj malgajaj okuloj rigardas dekstren kaj maldekstren la sakojn, kiuj malpleniĝas. « La aferoj ne progresas, panjo Truti ? » Ŝi skuetas la kapon : « La aferoj ne floras ».

Sed la tempo marŝas. Noktmezo sonas. Ĉiuj Bernanoj havas bulbprovizon. La lanternoj, la lampoj, la lumaĉoj estingiĝas. En la malhelaj stratoj oni nur renkontas kelkajn geamantojn cirkaŭpre-

mantajn unu la alian, kiuj miksas siajn spirojn... bulbigintajn...

Cirkaŭ Berno, la veturiloj kuras sur la prujnaj vojoj, meze de feraĉa kaj sonorila bruo. Iom post iom, tiu bruo malgrandiĝas, kaj mortas, kaj la kampoj retrovas la profundan silenton de la vintraj noktoj.

Sola, maljunulineto daŭras marŝeti sur vojeto kiu grimpas al dometo.

Estas Truti kun sia sako ankoraŭ duonplena je bulboj. Por amuziĝi, ŝi rakontas al si mem rakontojn « pri la tempo de ŝia edzo ». Kelkfoje ŝi sidas sur la rando de la vojo por spiri.

Poste ŝi reprenas sian ŝarĝon, dirante por sin kuraĝigi : « Nu Truti, ankoraŭ peneto ». Kelkfoje ankaŭ ŝi levas la kapon al la steloj, la belaj steloj kiuj brilas por la malriĉuloj same kiel por la riĉuloj; tiam ŝi ridetas kaj marŝas pli vigle; ŝi songâs pri la baldaŭ venonta morto, pri la plezuro kiun ŝi havos forlasante tiun ĉi teron, pri la ĝojoj kiuj, ŝin atendas en la ĉielo, kie ŝiaj fingroj rejunigotaj rikoltos la belajn stelojn, kiuj estas la bulboj de Dio.

*Trad.* S. OBOZINSKI.

***La malgranda biografio, kunmetita de S-ino Van der Veken-Van Bockel, kaj la bela traduko de F-ino S. Obozinski, estas ĉerpitaj el " Belga Antologio ", kompilita, por la franca parto, de Maur. Jaumotte, por la flandra, de Hector Vermuyten kaj eldonita de " Belga Esperanto-Instituto ".***

***Estas belega libro, en du volumoj grandformataj, kun entute pli ol 600 paĝoj. Ĝi kostas nur Fr. 40 kaj ĉiu Esperantisto devus ĝin posedi en sia biblioteko. Estas bona propagandilo por montri al ne-Esperantistoj kaj por pruvi la taŭgecon de nia lingvo, por la diskonigo de niaj literaturoj.***

---

## La Kanto de Katinka

Nova vino estis suprenportita kaj oni ekbruligis novajn cigarojn.

Koekoek (1) ludis fervore sur la difektita mandolino kun ĝia rompita animo, sed liaj pasio kaj romantikeco eligis ankoraŭ el ĝi melodieretojn.

La Delfenoj (2) trovis ĝin mirinda, sentoplena kiel malnova amikino kiu, ĉiufoje, per zumantaj sonoj, kunkantis iliajn ĝojojn kaj ĉagrenojn kaj por nova ili ne estus ŝanĝinta ĝin.

Ĉar hodiaŭ, kiel diris Pirroen (3), ili vidis la plej belan virinon el sia tuta vivo, ilia spirito kaj ilia koro estis tiel brueme feliĉaj, ke ili deziregis ligi multajn sonflugilojn al sia entuziasmo.

Kaj, ĉar ili ne kunportis instrumentojn, nek violonon, nek klavcenon, nek fluton aŭ klarneton, nur difektitan mandolinon, ili mem ilin faris.

Barbara prenis ĉiujn kombilojn el sia domo.

La Delfenoj metis sur ilin peceton da buterpapero kaj kantis sur ili. Estis kvazaŭ zumanta abelaro, eĉ fariĝis kelkfoje, pro la duvoĉa kantado, kiel orgeno en la preĝejo.

Kaj per tiu muziko sur kombiloj kaj sur melodimanka mandolino Corenhemel (4) kantis la kanton de Katinka, kiun ŝi al li lernis kiam la luno leviĝis super la malhelajn arbarojn.

Estis la kanto per kiu li resumis sian nostalgion al tiu loko, la kanto kiu por li estis kiel psalmpreĝo kaj malproksima honorigo por lia Rusineto kiu, eble, jam de longe mortis.

Li staris rekte ĉe la muro, eleganta, zorge vestita, kun arĝenta krono sur siaj dolĉaj blondaj haroj. Lia glata, pala vizaĝo pli maldikiĝis dum la kantado, liaj nazaloj tremetis kaj estis kvazaŭ liaj okuloj ion belan rigardadis, kio malrapide alproksimiĝas.

Malgaje kaj treniĝante ploris la kanto, kiun la viroj delikate zumadis sur siaj kombiloj kiel io milda kaj multekosta.

En Corenhemel kreskis malkvieto, emo por revivigi tie en la sovaĝa steponaturo, kun sia Katinka, sian grandan amon de antaŭe.

Pro tiu nostalgio lin pikis kiel pinglego lia ĉagreno pro lia edzino kies konsumiteco lin spirite elŝeligis kiel ovo.

Corenhemel ne multe bezonis por esti en tiu animstato ; sufiĉis malgaja kanto, bela virinmano, soleca birdo, kiu flugas al l'oriento, kaj nun ĝin kaŭzis la belaj okuloj de Anna-Marie.

Ho, Anna-Marie, kiu ŝovis lumon sur lian ĉagrenon !

De longe jam oni ne plu vidis lin tiel enprofundiĝinta en sia nostalgio !

Ĝi dormis kiel Dimanĉlageto, sed nun ĝi rec supreniĝis kaj kun la kanto ĝi elbordiĝis el ila koro.

Pro la larmoj liaj vangoj estis malsekaj kvazaŭ li estus restinta kun sia vizaĝo sub la pluvo.

*Esperantigis el la Flandra « Anna-Marie » de Felix Timmermans*
Lucette FAES-JANSSENS.

---

(1) Elparolu « Kukuk ».
(2) Ses kamaradoj kiuj kunvenis en la trinkejo «La Delfeno».
(3) Elparolu « Pitun ».
(4) Elparolu « Kornheml ».

---

## Ventego

La varmetaj radioj de la printempa suno jam milde sendadis pasiajn kisojn pro kiuj burĝonis la juna arbaro, kiam subita ventego ekfuriozis sur la branĉaron.

Lu uragano kolere ektondris kaj ekskuis la potencan kverkon, sub kies tronko sin ŝirmis tiom da junaj arbetoj. Timplena tremis la arbaro kaj eksentis profunde la senhelpon de la kreskaĵoj kiam furiozas uragano. La nigriĝintaj nuboj kiuj apenaŭ pendis sub la ĉiela alteco, senĉese vomadis longajn purpurkolorajn fulmojn, kiuj blindigis la okulojn kaj faladis, jen sur la prarokon el kiu ŝprucis la fonto, jen sur la lumturon—la esperon de la maristo perdiĝanta en la oceana vasteco — jen sur la branĉojn de potencaj kverkoj, por ilin detrui, ruinigi kaj disblovi la cindron al ĉiuj direktoj de la mondo.

Jes la cindro, blovata de la ventego, eligis larmojn ĉe iu ; ĉe alia elpremis profundan sopirĝemon kaj murmureton de misteraj vortoj.

Sed la uragano ĉiam blovis, kun nova pli terura forto, kiu ŝajnigis la proksimiĝon de io nekonata, de kio dependas la ekzistado aŭ la fino de la mondo.

Tiu ĉi nekonata forto alportis ambaŭ kune. Ĉar ruĝlanga fulmo falis kaj traboris la koron de la potenca kverko. Per ĝiaj branĉoj jam velkantaj, la estinta vivo sendadis lastan adiaŭon, dum kuŝiĝis teren la majesta kverko. Sur la ankoraŭ freŝa ruino konfuze aperis la tago volvita per nigra funebra vualo; ĵetis rigardon al la kuŝanta kverko, sur kiu neniam plu nova uragano furiozos, nek ventego skuos la branĉojn.

Kaj eklarmis la tago kaj tra la rulantaj larmoj vidis junajn arbetojn harmonie balancantajn je la loko de ĝis nun staranta kverko.

Kiel antaŭe la varmetaj radioj sendadas pasiajn kisojn, burĝonas la juna arbaro kaj, iom post iom, la ventego kvietiĝas.

*Je l'memoro de Fr. Schoofs,*
N. BABASKEROF.

## AMUZA SCIENCO

### La Fingringo

Tuj kiam oni kudris estis necese protekti la fingron, kiu ŝovis la kudrilon per gesto natura kaj instinkta, kaj la fingringo naskiĝis, ĝi estas, se eble, tiel malnova kiel la mondo kaj ĝia formo estis preskaŭ ĉiam la sama.

La unuaj kudristinoj kiuj kunmetis la foliaĵojn uzis, por vesti sian fingron ingon kavigitan en besta osto.

Ŝajnas ke la kutimo ŝovi la kudrilon per la meza fingro ne estas komenca, kaj ke en la pasinta tempo estis la polekso, fortika fingro, kiu estis la helpanto tuj trovita de la metiistino aŭ de la metiisto.

La antikvaj postsignoj liveras al ni fingringojn ostajn kaj bronzajn.

Tuj de post la XIIa jarcento, oni konas latunajn fingringojn. Stranga afero, la supraĵo de tiu objekto estis ĉiam havigita de facetoj kaj estas nur iom post iom ke la fingringo moderniĝis, ke ĝi plimultigis kaj samtempe malprofundigis siajn eksterajn facetojn.

La unua arĝenta fingringo estas alportita de Francisko Ia al korteganino, kiu estis tre fama pro sia lerteco en la brodaĵo. Ĝi venis el Italujo.

La fingringo uzata de la taljoroj estas de japana deveno, ĝi estas ĉiam sen kupoleto, la metiisto ŝovas la kudrilon per la flanko de la fingro dum la metiistino per la fingringo fermita ŝovas la kudrilon per la ekstemaĵo de la fingro. LONNE.

## DIVERSAĴOJ

### Bibliografio

*STUPETARO. Esperanto leerboek voor Diploma A. door P. Ch. M. Van de Vijver. Esperanto lernolibro. 2 Volumoj. Eldonis: 1933 N. V. Lecturis, Eindhoven. 1-a volumo: 148 paĝoj; 2-a volumo: 160 paĝoj. 22,5×15,5 cm. Prezo: Fr. 18 kaj 22,50 broŝurita.*

*VERDAJ DONKIĤOTOJ de Julio Baghy. — La libro enhavas Esperantistan romanon kaj satirajn skizojn. Eldonis 1933: Aleksandro Szalay, Tavaszmező-utca 8, BUDAPEST VIII, Hungarlando. 224 paĝoj 13×17 cm. Dukolora kovrilo. Prezo: broŝ. sv. fr. 2,—. Duontole bindita: sv. fr. 3,—. Aldonu 10 % por sendkostoj.*



### BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

*Ĝenerala jarkunveno de la 6a de Majo 1934.*

S-ro Maur. Jaumotte, administranto-delegito prezidas. Akciuloj kun pli ol 89.000 frankoj de akcioj ĉeestas.

S-ro Jaumotte, per mallonga laŭdo al la formortinta Administranto-Prezidanto S-ro Fr. Schoofs, malfermas la kunsidon. La ĉeestantoj ekstaras dum momento.

S-ro Georges Van den Bossche funkcias kiel protokolanto; S-ro Urbach kaj Van Winge, kiel voĉkontrolantoj.

S-ro Jaumotte komunikas la raporton de la administrantaro pri la agado dum la societa jaro 1933-34 kaj la bilancon. Li klarigas diversajn postenojn. Ambaŭ dokumentoj estas aprobataj, laŭ propono de la komisaroj, kiuj kune subskribis favoran raporton.

La administrantaro, per la raporto kaj la bilanco, proponas pagi al la kapitalo dividendon de *nete* 3 %. Tiu ĉi propono estas aprobata sen laŭnoma voĉdono.

Same unuanime la kunvenantaro kvitigas, per du apartaj voĉdonoj, la administrantojn kaj la komisarojn, por ilia agado dum la pasinta jaro.

La elektoj de administrantoj kaj komisaroj okazas per aplaŭdo. S-ro Oscar Van Schoor estas reelektata, kaj S-roj Vanderveken, De Hondt kaj Boffejon elektataj, kiel administrantoj; S-ino Staes (Bruselo), F-ino Thooris (Bruĝo) kaj S-ro Dechesne (Sclessin-Liego) estas elektataj, kiel komisaroj, por novaj aŭ daŭrigotaj mandatoj.

S-ino Staes respondas al gratulvorto de la prezidanto, per danko nome de la novelektitoj.

S-ro Jaumotte finas la kunsidon per kora vorto por S-ino Schoofs, kiu esprimis la deziron ne estis ŝarĝata per oficiala titolo, sed kiu tamen promesis daŭrigi la ĉiutagan laboron por ekspedo kaj vendado, kaj tion dum la lastaj semajnoj daŭre faris.

RADIO DISKOJ GRAMOFONOJ

# LA VOĈO DE SIA MASTRO

La Marko tutmonde konata pro la perfekteco de siaj produktoj




---

OSTENDO BELGUJO

**HOTEL VROOME**

20, BULVARDO ROGIER. TEL. 37

*RENDEVUO DE LA ESPERANTISTOJ*

---

ĈIUJ ESPERANTISTOJ

# KAPVESTAS

sin ĉe

## SAMIDEANO CAUS

Ĉapeloj : ĉiuj markoj kaj prezoj
Kasketoj por vojaĝi
Ombreloj por Sinjorinoj kaj Sinjoroj

*Firmo fondita en 1888*

**Vondelstrato, 19, ANTVERPENO**

---

# BOLSIUS

**Korte Koepoortstr., 11**
**ANTVERPENO**

*Firmo fondita en 1828*

ĈIUJ MASTRUMAJ ILOJ

Daŭre brulantaj fornoj « JAN JAARSMA »
Kuirejaj fornoj
HOMANN kaj KÜPPERBUSCH
*Ĉiuspecaj Infanveturiloj*

Lavmaŝinoj « JOHN »
Funkcias per gaso aŭ karbo

*Membroj de Belga Ligo Esperantista ĝuas rabaton*



---

*Por rapide transformi la « vortojn » en « skribon », por ke la « pensoj » iĝu « agoj » por plej efike uzi vian tempon, por havigi al vi pli multe da tempo*

**diktu per la**

# "DICTAPHONE"

**(Reg. U. S. Pat. Off.)**

KAJ DUOBLIGU TIAMANIERE VIAN POVON AKIRI FARITAJOJN

**La "DICTAPHONE" estas aparato plej simpla.**

Dokumentiga broŝuro sendata laŭ peto.

## Robert CLAESEN

GENERALA AGENTO

**40, rue de Loxum, BRUXELLES**

Telefono **11.06.82**

---

## Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

**18, Rue Neuve, 18**

**LEDEBERG-APUD-GENTO**

**Telegrafadreso : " PERFECTA " GENT**

**Telefono : 635**

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj
Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.
Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.
Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.
Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

---

## BELGA MARBORDO

## Grand Hôtel d'Oostduinkerke

Bone konata de multaj Esperantistoj

**P. BENOIT, Delegito de U.E.A. Posedanto**

---

*Por tre agrabla restado dum somero elektu:*

## HOTEL PENSION PASTEUR

**Av. Jules de Trooz, BLANKENBERGHE. Tel. 475**

Situacio je 2 minutoj de la Stacidomo, Marbordo, Kazino, Pier. — Moderna instalaĵo.
Komfortaj ĉambroj, varma kaj malvarma akvo.
Tre bonaj manĝaĵoj kaj vinoj. MODERAJ PREZOJ.

*Oni korespondas kaj poralas Esperante, France, Flandre kaj Angle.*

---

## Ĉapelejo GOETHALS

**Nuna posed.: Palmyre van Moerkercke**

**66, Rue des Pêcheurs, 66, BLANKENBERGHE**

Reg. Kom. Bruges 4344

Granda sortimento de Ban-Kostumoj kaj Kufoj.
**Tenis-ŝuoj.**
Ĉapoj, Gesinjoraj kaj Infan-Ĉapeloj.
Fanteziaĵ-artikloj.

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Kleine Hondstraat 11, ANTVERPENO.